No. 3 Januaro 1953 5a Jaro

# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

*Ke la jaro 1953a estu por niaj anoj ĉiel feliĉa, prospera kaj paca deziras*
la estraro de IFEF

## 5a I.F.E.F.-KONGRESO (5-10/5 1953) EN UTRECHT - NEDERLANDO

**3a Komuniko.**

Al tiuj anoj, kiuj ne povos viziti la 5an IFEF-kongreson, sed tamen deziras ĝin subteni, L.K.K. donas la eblon esti simpatiantaj kongresanoj po unu nederlanda guldeno. Tuj post la kongreso vi ricevos la kongreslibron kaj kongresinsignon. Vi ankaŭ plenigu la aliĝilon kaj sendu la monon rekte al la L.K.K.-kasisto aŭ al la landa vojaĝgvidanto. Kiam vi subtenas nin, vi multe kontribuas al la sukceso de la jubilea kongreso.
ATENTU !! La L.K.K.-sekretario translogiĝis; lia adreso estas nun: Thomas à Kempisplantsoen 27', Utrecht.
La aliĝilon por la kongreso vi trovos en ĉi tiu numero de BULTENO: resendu ĝin kiel eble plej baldaŭ, sed nepre antaŭ la unua de aprilo 1953.

### PROVIZORA PROGRAMO

**Mardo 5/5** Akcepto de la kongresanoj. Akceptejo malfermita je la 9a horo.

| | |
|---|---|
| 10 - 12 horo | : Delegitar- kaj estrarkunveno. |
| 13.30 - 15.30 | : Delegitar- kaj estrarkunveno. |
| 15.30 - 17 | : Kunveno de la terminara komitato. |
| 19.30 | : Interfratiĝa vespero. (programo ne fiksita) |

**Merkredo 6/5**

| | |
|---|---|
| 10 horo | : Kunveno malantaŭ la tria ĉefadministraciejo. |
| 10.15 h. | : Metado de florkrono ĉe la fervoja monumento. |
| 10.30 h. | : Fotografado de la kongresanoj kaj transdono de la jubilea donaco al la IFEF--estraro antaŭ la tria ĉefadministraciejo. |
| 13.30 h. | : Ekskurso kun faka prelego al Werkspoor (vagonarfabriko) (Nur 50 personoj povos partopreni). |
| 14.30 h. | : Fakaj prelegoj. |
| 20 h. | : Solena malfermo de la kongreso. Alparolos nin i.a. la plej altrangulo de la Nederlanda Fervoja Kompanio kaj la urbestro. |

**Jaudo 7/5**

10 - 12 h. : Laborkunsido
14 - 17 h. : Laborkunsido
10 - 16 h. : Ekskursoj nur por inoj ne-esperantistaj. (vidu la aliĝilon).
20 h. : Opera koncerto de fervoja ĥora.

**Vendredo 8/5**

Tuttaga ekskurso tra Nederlando per vagonaro, aŭtobusoj kaj ŝipo.

**Sabato 9/5**

10 - 12 h. : Laborkunsido.
14 h. : Se necese laborkunsido, poste filmo: **5 jaroj IFEF-kongresoj.**
19.30 h. : Kabareda vespero prizorgata de fervojaj artistoj.

**Dimanĉo 10/5**

Postkongresa tago al Nijmegen per vagonaro. Mallonga promenado tra la urbo, kaj aŭtobusa veturado en la ĉirkaŭaĵo. Detalaĵoj sekvos.

**Ĉiuj aranĝoj, ĉe kiuj ne estas menciita alia loko, okazos en la sindikata domo: N.V.-Huis, Oudegracht 245, Utrecht.**
**Dum la kongreso ĝi ankaŭ estas la poŝta adreso.**
**Kongresanoj alvenantaj jam la 4an de majo anoncu sin en la provizora akceptejo sur la unua kajo de la Utrechta stacidomo.**
**Venu grandnombre al Utrecht, por ke la jubilea kongreso estu sukceso !!!**

K.Brouwer, sekretario de la L.K.K.

## KONGRESPROPONOJ

Ĉiujn kongresproponojn oni sendu nepre antaŭ la 10a de februaro al nia sekretario Orteliusstraat 108-III, Amsterdam.

## BONE PRIPENSU

ke ankaŭ en Utrecht tute surprize iu povos enbarasigi vin per la vortoj:"Kaj nun mi petas al vi ĉiuj, starantaj kanti *La Espero*."
Por ne trafi en embarason vi lernu parkere la kelkajn frazojn de tiu himno; se vi nepre ne sukcesas en tio, vi havu la tekston ĉiam ĉemane.

## NIA INKUBO

Finlando sendis al ni projekton por IFEF-insigno, kaj por ke la kongreso povu elekti el pluraj desegnoj, ni petas al ĉiuj desegnistoj kaj artistoj sendi ankaŭ plej baldaŭ belan projekton. Bonvolu uzi fortikan paperon.

## DELEGITAJ STANDARDOJ

La delegitoj al nia 5a kongreso nepre ne forgesu preni kun si la standardon, donitan de sinjoro Simon al ĉiuj delegitoj en Lindaŭ.

# NOVA REGULARO

La konstanta kresko de nia organizo necesigas pli detalan regularon. Tial vi trovos ĉi sube projekton de nova IFEF-regularo, pri kies akcepto decidu la kongreso. Deziratajn ŝanĝojn oni sendu plej eble baldaŭ al la sekretario, por ke ni povu presigi ilin sufiĉe frue, kun aliaj proponoj.

**Nomo kaj sidejo**

Par. 1 La Internacia Federacio de Fervojistaj Esperantistoj nomata: Internacia Fervojista Esperantista Federacio (I.F.E.F.), fondita la 14an de aŭgusto 1948 en Amsterdam, Nederlando, havas sian sidejon en la lando en kiu loĝas la estraro. Ĝi estas en tiu ĉi regularo nomata *La Federacio*.

**Celo kaj rimedoj**

Par. 2 La celo de la Federacio estas:
a) interkonatigi kaj interfratigi fervojistojn aktivajn kaj pensiitajn en la tuta mondo, kiuj scipovas la lingvon Esperanto.
b) propagandi Esperanton sur sia labortereno kaj enpenetrigi sian idealon en la koncernaj*instancoj*fervojaj*.
Ĝi estas kultura organizo kaj neŭtrala rilate la politikan kaj religian konceptojn de la membroj,

Par. 3 Ĝi klopodas atingi sian celon per:
a) eldono de propra bulteno kaj fakterminaro,
b) starigo de vojaĝoficejoj pere de la aliĝintaj landaj organizoj,
c) individua korespondado inter la membroj,
d) internaciaj renkontiĝoj kaj reciprokaj individuaj vizitoj de la membroj,
e) ĉiuj aliaj rimedoj, taŭgaj por la disvastigado de la lingvo Esperanto.

**La membreco.**

Par. 4 La Federacio konsistas el:
a) membroj de aliĝintaj landaj organizoj,
b) izolaj membroj (fervojistaj esperantistoj loĝantaj en landoj, kie ne ankoraŭ estas organizo aliĝinta al IFEF),
c) subtenantaj membroj (ĉiu persono aŭ organizo, esperantista aŭ ne, kiu deziras subteni la Federacion per monhelpo.

Par. 5 La membroj sub a aniĝas pere de siaj landaj organizoj, tiuj sub b kaj c per sinanonco ĉe la Ĝenerala Sekretario. La membroj sub c rajtas uzi la servojn de la Federacio kaj ĉeesti la kongresojn, sed ili ne havas voĉdonrajton. La minimuma subteno por personoj estas la valoro de tri internaciaj respondkuponoj jare, tiu por organizoj minimume kvin nederlandaj guldenoj aŭ ekvivalento.

Par. 6 La membreco finiĝas:
a) por membro de landa organizo aŭtomate, kim li eksiĝas el tiu organizo,
b) por izola membro per anonco ĉe la Ĝenerala Sekretario,
c) per eksigo.
Kiuj estas eksigitaj rajtas apelacii al la Konflikta Komitato kaj al la kongreso.

Par. 7 La Federacia estraro povas proponi la eksigon de tiuj landaj organizoj, izoluloj, kies agado ne konformiĝas al la Regularo; kiuj intence agis kontraŭ la celoj, principoj aŭ interesoj de la Federacio; kiuj malbonuzis la konfidon aŭ servemon de aliaj membroj.
La eksigoj estas publikigataj en la BULTENO.

**La estraro.**

Par. 8 La Federacia estraro, ankaŭ nomata *Ĉefestraro*, konsistas el minimume kvin membroj, ĉiuj loĝantaj en la lando, kie estas la sidejo. Ĉiujare en Majo ĝi eksiĝas, sed estas tuj reelektebla. Prezidanto, sekretario, kasisto kaj redaktoro estas individue elektataj. La aliajn funkciojn la estraranoj dividas inter si.
Kandidatojn por la ĉefestraro proponas la landaj organizoj, la izolaj membroj, kaj la ĉefestraro mem.

Par. 9 Antaŭ la 1a de januaro la nomoj de la kandidatoj estu menciitaj ce la Ĝenerala Sekretario.
La nomoj de la kandidatoj estos publikigataj en la BULTENO, kune kun la kongresproponoj.

Par. 10 La ĉiutaga estraro konsistas el: prezidanto, sekretario kaj kasisto, kiuj rajtas decidi por la Federacio, respondece al la kongreso.

**La financoj.**

Par. 11 La enspezoj de la Federacio konsistas el:
a) kotizoj de la aliĝintaj landaj organizoj kaj izola membroj,
b) subtenoj de la subtenantaj membroj kaj organizoj,
c) donacoj en kia ajn formo.

**La landaj organizoj.**

Par. 12 La landaj organizoj aliĝintaj al la Federacio estas tute memstaraj en sia organiza formo, laŭ la cirkonstancoj en la koncernaj landoj.
Ili havu propran regularon, kiu laŭprincipo estu konforma al la federacia regularo. Kopion de tiu regularo ili sendu al la Ĝenerala Sekretario.
La respondecaj estraranoj kompilu kompletan membroliston, kiun ili sendu

al la Ĝenerala Sekretario. Pri ĉiuj novaj aliĝoj ili senprokraste informu la ĉi-supre menciitan funkciulon. Eksiĝoj estas akceptataj nur je la fino de iu kvaronjaro.

La landaj kasistoj enkasigas la kotizojn, de kiuj estas destinita por la Federacio po membro kaj po jaro, sumo egala al la valoro de tri internaciaj respondkuponoj.

**La izolaj membroj**

Par.13 Membroj loĝantaj en landoj kie ne ankoraŭ estas organizo aliĝinta al IFEF pagas po jaro sumon egalan al la valoro de tri internaciaj respondkuponoj Ili havas la samajn rajtojn, kiujn havas la membroj de landaj organizoj.

**La kongresoj.**

Par.14 Ĉiujare en Majo okazas kongreso, kiun ĉiu membro rajtas ĉeesti, kaj kie ĉiu havas parolrajton.
La landaj organizoj reprezentas sin per sia estraro aŭ aliaj delegitoj.
La Federacio estas reprezentata per sia estraro.
Voĉdonrajton havas nur la landaj delegitoj kaj izolaj membroj.
Delegitoj, reprezentantaj 99 aŭ malpli da membroj, havas unu voĉdonon.
Tiuj, reprezentantaj 100 ĝis 200, du voĉdonojn, 200 ĝis 500, tri voĉdonojn, ktp. Validas nur la membronombro, por kiu la kotizo estas pagita antaŭ la kongreso.
Pluraj izolaj membroj el sama lando havas kune nur unu voĉdonon.
La kongreson organizas la landaj organizoj.
Ili faras tion el propraj rimedoj (kongreskotizoj, subvencioj, ktp.)
En la kongresoj estas pritraktataj la jarraportoj kaj la proponoj; estas elektata la estraro, komitatanoj kaj la loko de la sekvanta kongreso.
Pri ĉiuj pritraktitaj punktoj oni, se necese, voĉdonas.
Propono estas konsiderata akceptita, kiam la duono plus unu estas por.
Proponoj estu ensenditaj antaŭ la unua de januaro.
Postvenintaj proponoj estas pritraktataj, se la kongreso konsentas pri tio. Amendojn al la proponoj oni ensendu antaŭ la unua de marto.

**La organo.**

Par.15 Kiel redaktoro de la BULTENO funkcias unu el la ĉefestraranoj elektita el la kongreso.
La konflikta komitato menciita en paragrafo 16a sub b, decidas en necesaj okazoj pri akcepto aŭ malakcepto de iu artikolo.
Ciuj informoj de la Federacia estraro en la rubriko *Informoj de la estraro* havas la aprobon de la ĉefestraro kaj estas decidaj.
La BULTENO aperas laŭbezone, sed minimume sesfoje jare.

**Komitatoj.**

Par.16 Funkcias konstanta Terminaras Komitato, kies nelimigita nombro da anoj okupas sin pri la tradukado de fakesprimoj fervojaj.
Ekzistas Konflikta Komitato, ĉiujare elektita en la kongreso, konsistanta el tri membroj, el kiuj almenaŭ unu loĝu en la lando de la Sidejo.
Ĝi decidas pri eventualaj konfliktoj, ne alimaniere solveblaj.
La plendanto rajtas apelacii al la kongreso kontraŭ la decido de la komitato. La kongreso, kiel la plej alta instanco, findecidas.

**Ĝeneralaj difinoj.**

Par.17 Ordoproponoj, prezentataj en la kongreso estas tuj pritraktataj.
Par.18 Pri personoj estas skribe voĉdonataj.
Par.19 Sen aprobo de la kongreso neniu rajtas paroli pli ol dufoje pri la sama temo.
Par.20 La ĉefestraranoj ne bezonas pagi kongreskotizon, kaj havas dum la kongreso senkostan tranoktejon.
Par.21 La organiza jaro komenciĝas en majo, la administracia jaro la 1an de januaro.
Par.22 Tiu ĉi reordigita regularo ekfunkcias tuj post ĝia akcepto.

La ĉefestraro de IFEF.